# TABELO DE ENHAVO



**0**

# SPECIALAJ BILDOJ

## Fruaj ekzemploj de presaĵoj

# POEZIO

## Glora Imperio

### de Trevor Steele

Marŝu, marŝu, romianoj,
Gloran imperion kreas ni.
Venkas landojn laŭ la vic',
Sklavojn prenas por kapric',
Paco kompreneble estas nia cel'.
Vivu, vivu la pax Romana,
Estu nia tutelkora kri',
Se vi pensas pri rezist',
Estos fin' de via ekzist',
Paco kompreneble estas nia cel'.

Julio Cezaro estis oratora geniulo;
Sur batalkampo senkompara brilulo;
Verkisto, ho jes, de la unua rango;
Krome, ĉampiona verŝiganto de sango.
Gaŭlaj mortintoj kaj sklavoj milionope ariĝis,
Kaj per tio nia Julio tre, jes tre riĉiĝis.

Octavianus estis brava bela knabo:
Antonius kredis lin stultulo sen barbo;
Sed Octavianus marŝis sentime en batalon,
Venkis Kleopatran kaj la generalon.
Poste, nomata Augustus, li estis reĝo sen tiu nomo;
Li mortis maljuna, kaj ĉiuj ploris, "Ho kia bona homo!"

Tiberius, mornvizaĝa, neniam estis feliĉa viro;
Por li regado estis pli danĝera ol militiro.
Naŭzite, li retiriĝis al la Kapro-Insulo:
Tie li tronis, severa kaj malamata melankoliulo.
Fine Macro lin per vestoj sufokis,
Kaj la homamasoj al festo alvokis.

Gaius Caligula estis filo de granda heroo,
Kio eble torde malhelpis al lia egoo.
Post bona komenco li pli ol iomete freneziĝis,
Li proklamis, ke li, la imperiestro, diiĝis,
Kaj diligente li forigis ĉiujn, kiuj rivalis,
Sed pro ponardopiko li nur kvar jarojn karnavalis.

Claudius, jen enigmulo: lamis, kraĉis, kaj balbutis:
Sed eble nur por sin savi en frenezejo li tiel kondutis;
Oni trovis lin sub lito kaj imperiestrigis;
Kaj fakte li iom sagace regis kaj intrigis.
Sed ho ve, tiaj edzinoj: unue provis Messalina,
Poste sukcesis lin veneni la monstra Agrippina.

Agrippina do sukcesis kronigi sian karan filon:
Li, Nero, havis mirindan artistan stilon.
Panjo tro premis, do malgraŭ ŝiaj laŭtaj krioj,
La kara fileto sendis ŝin glave al la dioj.
La muziko de Nero apogeis en tia kulmino,
Ke oni sendis lin al Panjo, kaj la dinastion al fino.◊




Papera monbileto ĉina, ĉ. 1374 p.K.

Kvankam paperaj monbiletoj estis uzataj en Ĉinio jam ĉ.140 p.K., neniu ekzemplero ankoraŭ ekzistas.

# DIVENLUDOJ

**de Viglo**

**SOLVOJ TROVIĜAS SUR PAĜO 25.**

## DUSENCAĴO

TROVU VORTON, KIU HAVAS DU MALSAMAJN SIGNIFOJN.

*Nekredeble!! ( 4 )*

Malgrande elstaras surkape de birdo
kaj ege sonoras proksime al krucvojo.

## VOKALKEJLO (1)

TROVU UNUAN VORTON, KIA PER NURA ENŜOVO DE UNU VOKALO REZULTIGAS LA DUAN.

*Ĉu amasa sinmortigo?*

Povas kunveno de membroj
nek spiri nek vivi kiam … mankas.

## VOKALKEJLO (2)

TROVU UNUAN VORTON, KIA PER NURA ENŜOVO DE UNU VOKALO REZULTIGAS LA DUAN.

*Plenpovulo*

Difinon donas al membro
de plena vico de vortoj.

## DIVENLUDO

*Ĉemara idilio*

Via talieto tre maldika
ĉiam restos en mia memoro,
kaj tiu sablo delikata
lante en sino via glitanta.
Songŝilentajn horojn pasigis
vi, tre dolĉajn eĉ korŝirajn,
sugestantajn ĉiam al mi
pri iu tempo tre malnova.

## DIVENLUDO

*Sopiro al libero*

Kun siaj fratoj kunigita,
ĉiam ĝi restos nur la dua,
eĉ emanta tute elstari
dum diskuto tre furioza.◊

# KIO DO ESTAS MIRMEKOBO?

**de Donald Broadribb**

Mirmekobo [*Myrmecobius fasciatus*] en la angla lingvo nomiĝas *numbat*.

Longo de la korpo: 20–27 cm

Pezo: 400–700 g

Mirmekoboj estas marsupiuloj, ruĝ-brunaj ŝultre kaj kape. Sur la plejparto de la korpo la koloro estas nigra kun blankaj strioj. Ilia vosto estas ĉ. 17cm longa.

Mirmekoboj manĝas ekskluzive termitojn. Plenkreska mirmekobo bezonas manĝi ĝis 20 mil termitojn ĉiutage.

Mirmekoboj ne estas sufiĉe fortaj por mem rompi termitejon, do ili atendas ĝis termitoj troviĝas en facile atingebla loko. Tial la vivostilo de mirmekoboj estas intime ligita al la disirado de termitoj. Dum la somero mirmekoboj jam frue en la mateno videblas, sed ili rifuĝas al truo en ŝtipo aŭ truo en la tero kiam la tago varmiĝas, kaj atendas malpli varman parton de la posttagmezo por eliri kaj denove manĝi. Dum la vintro, kiam termitoj ekaktivas nur dum la malfrua parto de la mateno, mirmekoboj simile aktivadas. Nuntempe ili ekzistas nature nur en tre limigita parto de Okcidenta Aŭstralio, kaj en zooj.





Aliajn fotojn de mirmekoboj oni povas trovi ĉe:
http://www.arkive.org/numbat/myrmecobius-fasciatus/image-G7659.html

*Ne konfuzu la mirmekobon kun la sudamerika besto mirmekofago [Myrmecophaga tridactyla]*:





Setonigo [Setonix brachyurus] (ĉe Insulo Rottnest)



Aŭstrakua striita paramelo [Paramelidae]
(El la insuloj Barrow kaj Dorre)



Ruĝvosta faskogalo [
(Troviĝas nur en malgranda parto de okcidenta Aŭstralio)



Papago en Marysville
(vilaĝo en Aŭstralio, forbruligita de la arbarincendioj)
Ĉi birdo ne estas de rara specio, sed la foto estas tro bela por esti neglektata.◊

# LA KOMENCO DE PSIKANALIZO

## (PARTO 4)

**De Donald Broadribb**

Kiel dirite, en Parto 3 de ĉi tiu historio, Sigmund Freud forlasis la uzon de hipnotado, kaj lasis siajn pacientojn simple libere paroladi kvazaŭ sencele kaj kvazaŭ sendirekte. Li rimarkis ke dum tia daŭra parolado, individua persono spontane emis eniri preskaŭ vekan sonĝostaton. Ofte la pacientoj spontane rakontis sonĝojn el la antaŭa nokto. Kiam li petis pacienton esprimi siajn ideojn pri la scenoj kaj eventoj en la sonĝoj, montriĝis ke tre ofte forgesitaj eventoj menciiĝis, kaj, eble pli grave, ke kvankam ĉiu sonĝo estis individua, la sonĝoj de amaso da pacientoj tamen kungrupiĝis laŭ regulaj kategorioj. Ekzemple, preskaŭ ĉiu persono fojfoje sonĝas ke ŝ/li promenadas nuda inter aliaj plene vestitaj personoj.

Freud jam interesiĝis pri siaj propraj sonĝoj, kaj zorge ekzamenis ankaŭ ilin. Lia tre juna filino Anna ankaŭ rakontis siajn sonĝojn. Lin frapis la trovo ke (1) preskaŭ ĉiam eblas trovi ian ligon inter la sonĝoscenoj kaj la eventoj de la tago tuj antaŭ la sonĝo; kaj (2) ke interpersonaj rilatoj estas plejofte la centra temo de la sonĝoj. Fine, en novembro 1899, li publikigis la unuan eldonon de famiĝonta libro titolita *La interpretado de sonĝoj*. (La eldondato presita en la libro mem erare diras 1900. Nur 600 ekzempleroj estis presitaj, sed reviziita versio estis eldonita antaŭ ol ĉiuj 600 estis venditaj).

Unu el la aĉetintoj estis Carl Jung, juna psikiatro en Zürich, Svislando, pri kiu mi parolos en parto 5 de ĉi tiu historio.

Freud ankaŭ enkondukis la koncepton pri la "*cenzuro*", agado de la menso kiu malpermesas la konsciiĝon de certaj temoj, kaj anstataŭigas ilin per malpli klaraj aŭ almenaŭ akcepteblaj bildoj.

En 1899 la fama "seks-teorio" de Freud ankoraŭ ne estis origininta, nek lia fama utiligado de simbolismo. (Efektive, nur en 1911, en la tria eldono, ekaperis en *La interpretado de sonĝoj* grandskala esplorado de simboloj, pro influo de amiko de Freud, Wilhelm Stekel.) Per ĉi tiuj du aldonoj, la agado de la *cenzuro* iĝis gravan rolon: malpermesitaj (cenzuritaj) temoj aŭ eventoj estas anstataŭigataj per neklaraj aludoj, per bildoj kiuj estas diversmaniere interpreteblaj, aŭ per ia anstataŭaĵo kiu ŝajnas sendanĝera.

En 1895, la lasta infano de Freud, Anna, naskiĝis, kaj kun tre granda intereso li observadis kaj notis ŝian psikologian kreskon. En 1905 li publikigis libron *Tri eseoj pri la seksteorio*. Tiujare Anna 9-jariĝis; krom siaj observoj pri ŝia psikologia historio dum tiuj 9 jaroj, Freud ankaŭ observis la kreskadon de aliaj similaĝaj infanoj de amikoj, kaj zorge aŭskultis anekdotojn rakontitajn al li de pacientoj kiuj ankaŭ estis gepatroj.

Kio ŝajne mirigis Freudon estis ke evidenta seksemo troveblas eĉ en tre junaj infanoj.

Tiutempe la rolo de hormonoj en sekso ankoraŭ estis nekonata, kaj same pri la rolo de hormonoj en la antaŭnaskiĝa periodo. Krome, multaj adoltoj — inkluzive de gepatroj — ignoris kaj neis la ekziston de seksemo en infanoj. Ankoraŭ nun oni ne malofte legas pri la "(seks)pureco de infano". Tamen, ne necesas tre longa observado de infano(j) por konsciiĝi ke infano estas tre seksema.

Ĉu infano estas seks-"konscia"? Nu, dependas de la difino de "konscia".

Freud, tute prave, akceptis la tezon de Pierre Janet pri la rolo de la "nekonscio"[1] kiel aktiva parto de la menso. Laŭ nia nuntempa scio pri la agado de diversaj partoj de la cerbo, eblas diri ke la "menso" estas tre ĝenerala termino indikanta aregon da procezoj. Grandparte tiuj procezoj okazas pli-malpli aŭtomate. Multaj procezoj influas nian pensadon. Ĉu ni konscias pri ili? Nu, jes, ne, aŭ parte, depende de la cirkonstancoj efikantaj dum iu specifa momento.

Dum sia kariero Freud multe pripensis kaj pripesis la karakteron kaj efikon de mensaj procezoj. Klaras ke io povas iumomente esti konscia percepto, ideo, penso, kaj alimomente ne esti tia. Sed tute aparte de tio: la reago de la gepatroj, kaj ankaŭ aliaj adoltoj, al la infano kaj ties agoj multe influas la konceptojn kaj sekskonscion de tiu infano. La infano konstante observas, aŭdas, pripensas, klopodas kompreni perceptatajn eventojn, inkluzive de la "korpa lingvo" de aliaj personoj. Kaj samtempe la infano strebas koni la signifon de la diroj kaj agoj de adoltoj.

Ĉar — ankoraŭ nun — la socio forte insistas pri diferencigo de la karaktero kaj kapabloj de in- kaj vir-seksuloj, la ĵusnaskita bebo rapide ekkonscias ke oni ial distingas la naturon de infano depende de ĉu temas pri in-seksa aŭ vir-seksa persono. La kleruloj interdisputas pri kiom de tiu distingo estas "natura" (genetika) kaj kiom ĝi estas estas artefarita de la socio. Laŭ Freud la distingo estas natura.

La videbla distingilo inter la seksoj estas, laŭ la vidpunkto de Freud, la havo aŭ nehavo de peniso. Freud ne pripensis la fakton ke junaj knabinoj ankaŭ konscias pri la ekzisto de la vulvo, klitoro kaj vagino, kiuj mankas en knaboj. Laŭ la vidpunkto de Freud kaj de la kulturo en kiu li vivis, havi penison = esti pli altranga socie. Li atribuis tiun koncepton al ĉiu infano, kaj konkludis ke por infanino la trovo ke al ŝi mankas peniso estigas la kredon ke ŝia iama peniso estis detranĉita. Kaj la knabo havas saman kredon — kion emfazas la fakto ke multaj gepatroj tiam, kaj ankoraŭ nun, minacas al sia juna filo detranĉi lian

[1] Aŭ "subkonscio" aŭ "malkonscio". Verŝajne "nekonscio" plej taŭgas kiel uzinda termino.

penison se li plu masturbos sin.

En sia libro *Totemo kaj tabuo* (1913), Freud utiligis historian teorion proponitan de Charles Darwin en sia verko *La evoluo de la homo* (1871). Laŭ tiu teorio, en prahomaj familioj, la filoj ĵaluzis kontraŭ sia patro, ĉar nur li rajtas sekumi kun ilia patrino. Por povi seksumi kun sia patrino, la filoj murdis sian patron. En posta epoko patroj, volante eviti sian murdiĝon, kastris siajn filojn. Konsekvence, por eviti kastriĝon, la filoj forlasis la familion kaj prenis por sia seksumado knabinojn el aliaj familioj/klanoj. Tia serio de eventoj okazis tiom ofte ke ĝi iĝis heredata inklino de la tuta homaro, kaj tial en multaj socioj nuntempaj junulo devas edziĝi kun junulino el alia klano aŭ grupo.

Freud akceptis tiun teorion de Darwin, kaj kunligis sian propran observon ke juna knabo emas sekse logi sian patrinon. Li konkludis ke pro la nekonscie heredita memoro pri la eventoj pretenditaj de Dawrin, la knabo ektimas (kaj kelkfoje ŝajnigas ami) sian patron, ĉar li kredas ke la patro volas kastri lin.

Freud nomis tion la "edipa" komplekso, laŭ la antikva helena dramtemo pri Princo Edipo, kiu estis destinita de la dioj murdi sian patron kaj amori kun sia patrino. Laŭ la konstato de Freud, knaboj evidente indikas tiun inklinon jam tre june, sed lerninte ke necesas kaŝi tiun sian inklinon por eviti punon, la knabo pli-malpli subpremas la inklinon, kaj kiam la knabo iĝas ĉ. 6-8jara, la inklino, kvankam ankoraŭ aktiva, iĝas tute nekonscia.

En postaj jardekoj studentoj de Freud komplementigis tiun edipan komplekson de la knabo per simila konkludo pri knabinoj: ke la juna knabino deziras mortigi sian patrinon kaj sekumi kun sia patro, kaj samkiale devas kaŝi kaj nekonsciigi tiun emon.

Jam de la komenco Freud celis trovi unusolan kaŭzon de mensaj malsanoj, laŭ la medicina principo ke ĉiun korpan malsanon kaŭzas io specifa — ĉu korpa traŭmato, ĉu viruso, ĉu bakterio, ĉu veneno.

Freud decidis ke tiu edipa komplekso, kun siaj akompanaj supozoj kaj inklinoj, estas la kaŭzo de neŭrozoj.

Ni memoru ke distingo inter diversaj specoj de mensmalsanoj ne estis kutima, kaj nur en la fruaj 1900-aj jaroj Eŭgeno Bleuler en Zürich komencis dividi mensmalsanojn en du grupojn: neŭrozo kaj psikozo.

Plejparte la pacientoj de Freud estis neŭrozuloj, kvankam nuntempe ni verŝajne reklasigus multajn el ili. Freud mem neniam studis psikiatrion, nek distingis inter skizofrenio, dupolusa malsano (=manio alternanta kun deprimo), diversaj tipoj de neŭrozoj, kc.

Dum la unuaj jardekoj de sia profesia kariero, Freud supozis ke se oni povas konsciigi en paciento la traŭmato(n) ligita(j)n kun ĉi ties edipa komplekso, tio kuracus la pacienton. Iom malespere, en postaj jardekoj li konfesis ke tiu

supozo montriĝis erara.

Necesis trovi aldonan eksplikon de la kaŭzo de neŭrozoj, kaj Freud diverskiale reekzamenis sian psikologian teorion kaj multe rafinis ĝin.

Kiel mi jam diris, supre, la influo de la socio en kiu vivas la infano estas tre grava, kaj tre peza. Freud agnoskis tion, kaj fine trovis neceson doni al tiu influo specialan nomon. En la germana lingvo, per kiu Freud verkis siajn librojn kaj artikolojn, Freud parolis pri:

*Das Ich = La mi'*
*Das Unbewußte = La nekonscio*[1]
*Das Es = La ĝi'*
*Das Überich = La supermi'*

Por kompreni la konceptaron de Freud, necesas legi liajn verkojn en la germana lingvo, ĉar tradukistoj inventis novajn terminojn por "sciencigi" la vortuzon de Freud. Ekzemple, nenie Fred parolas pri "egoo", sed nur pri *la mi'*, t.e. tio, kion persono volas diri uzante la vorton "mi", do multe pli elasta koncepto ol la nuntempa freŭdisma "egoo".[2] Ĝenerale oni povas diri ke la nuntempa freŭdismo multe distancas for de la sistemo kaj konceptaro inaŭguritaj de Sigmund Freud.

Do, laŭ Freud, individua persono sentas sin kaj nomas sin *mi*, sed trovas en si ankaŭ fremdajn elementojn kiujn Freud nomis "nekonsciaj" kaj formale nomis *la ĝi'*, ĉar la individuo sentas la fremdecon de tiuj inklinoj kiujn ŝ/li trovas en si.

La socio tamen formulas ideojn pri kiel *devus* pensi kaj konduti la personoj en tiu socio, kaj trudas ilin al ĉiuj individuoj. Tiu influo iĝas kvazaŭ dua personeco en la individuo, kaj li nomis ĝin *la supermi'*. La naturaj inklinoj de individuoj tre ofte konfliktas kontraŭ la sociaj normoj; laŭ la terminologio de Freud: la *mi'* konfliktas kontraŭ la *supermi'*.

La sociaj normoj, la *supermi'*, ofte konfliktas kontraŭ la naturaj inklinoj, pensoj, supozoj de individuo. Kutime la sociaj normoj enradikiĝas firme en la menso de la individuo, tamen ne ĉiam. Kelkfoje la konflikto inter la *supermi'*, la *mi'*, kaj la nekonscio/*ĝi'* estas tiom forta, ke la individuo klopodas fuĝi, la rezulto estas (ofte) enkarceriĝo, aŭ (eble pli ofte) mensa malsano.

---

1 Dum sia frua periodo, Freud parolis pri *la nekonscio*, kaj emfazis ke pensmaterialo kaj emociaĵoj povas esti nekonsciigataj kaj diversmetode rekonsciigataj. Ekde ĉ. 1913 li emis anstataŭigi la vorton *nekonscio* per la vortoj *la ĝi'*, kio estas denaska parto de la menso. Li dividis la *mi'on* en konscian kaj nekonscian partojn. En sia lasta periodo, li revenis al sia pli frua utiligo de la vortoj *la nekonscio* kaj *la mi'* (kaj *la supermi'*, kiu povas esti konscia aŭ nekonscia).

2 Anglalingve *la mi'* = the ego; *la ĝi'*=the id; *la supermi'*=the superego. Ĝenerale, eblas diri ke la anglalingvaj tradukoj de la verkoj de Freud klopodas "sciencigi" la familiartonan lingvaĵon de Freud.

Freud do forlasis sian pli fruan simplan supozon ke por kuraci pacienton, sufiĉas konsciigi ŝ/lin pri ĉi ties edipa komplekso kaj ĝiaj konsekvencoj. Li formulis la taskon de psikanalizo kiel "subteni la *mi*'n de la paciento kontraŭ la postuloj de la *supermi*'. T.e., helpi la individuan pacienton batali kontraŭ sociaj normoj kiuj celas kateni ŝ/lian spiriton (animon, menson)[1].

En sia plejlasta libro, Freud re-prezentis sian koncepton pri psikanalizo. Tiu libro, havebla sub la titolo *Kompendio de psikanalizo* (Tradukis G. Patureaux. KAVA-PECH, Dobřichovice, 2003), tre bone kaj klare prezentas resume lian plej maturan koncepton pri la skolo de psikologio kiun li fondis.

Dum siaj ses jardekoj da psikologi-laborado, la konstatoj kaj konceptoj de Freud nature pliriĉiĝis kaj aliiĝis. En antaŭparolo al la lasta eldono de *La interpretado de sonĝoj*, li komentis ke se li reverkus tiun libron, ĝia enhavo estus draste ŝanĝita; sed ĉar ĝi estas historie grava, li lasas aperi la libron sen pliaj ŝanĝoj.

Pluraj aliaj verkoj de Freud ankaŭ iĝis bone konataj: *La psikopatologio de la ĉiutaga vivo*, 1901, ekzamenas la ordinarajn erarojn kiujn ni ĉiuj faras: ni mismemoras nomon, forgesas kion ni serĉas, misparolas sen rimarki tion, kc. Malgraŭ la erudicia titolo, tiu libro prave famiĝis, tiel ke ni ĉiuj konas la "freŭdajn eraretojn", simplaj eraroj kiuj malkaŝas nian veran celon aŭ penson kiun ni preferus kaŝi.

Alia, malpli influa sed grava kaj atentinda, verko de Freud estas *Der Witz und seine Beziehung zum Unbewussten* [Humuro kaj ĝia rilato kun la nekonscio] 1905. Domaĝe, ĉi tiun verkon povas apreci kaj kompreni nur persono komprenanta la germanan lingvon, ĉar tradukite la ekzemploj kaj diskutoj perdas la plejparton de sia signifo.◊

[1] Germanlingve, "Geist".



# LA HAVEN-PONTO EN SIDNEJO

**de Franciska Toubale**

Kiam oni vizitas la urbon Sidnejo ne eblas mistrafi la ponton en la haveno inter Dawes Point kaj Milsons Point, la plej granda unuarkaĵa ponto en la mondo.

Unue ni lasu la ciferojn imponi nin :

Longeco de la arkaĵo: 503 m

Tuta longeco de la ponto : 1149m

Larĝeco : 49m

Alteco de la plej alta punkto de la arkaĵo: 134 m super la maro

Nombro da nitoj uzitaj: 6 000 000

Pezo de la plej granda nito 3,5 kg

Longeco de la plej granda nito: 395mm

Pezo de la ŝtalo uzita: 52 800 tunoj

Kvanto de betono uzita: 95 000 $m^3$

Kvanto da farbo por tri tavoloj: 272 000 litroj

Kvankam jam en 1815 la fama sidneja arkitekto Greenway proponis ke ponto estu konstruita, pramŝipoj restis la nura rimedo por transiri la havenon dum plia centjaro. La ideo ne estis forgesita, sed tiu longa tempo estis necesa por elekti la ĝustan formon kaj la ĝustan entreprenon por ĝin konstrui. La ceremonio nomata “The turning of the First Sod” (=”la unua plugado de la tero”) okazis la 28an de julio 1923 kaj la lasta ŝtono estis metita sur la nordokcidentan pilonon la 15an de januaro 1932. La testoj, kiu dauris tri semajnojn, ekis en februaro. La oficiala malfermo de la ponto okazis la 19an de

marto 1932. Tiu ceremonio estis konsiderata sufiĉe grava por esti elsendita per radio ne nur en Aŭstralio, sed ankaŭ en Britujo kaj Usono.

La konstruado komenciĝis en tempo de pozitiva ekonomia evoluo, sed ekde 1928 sentiĝis la tiel nomata *Depresio*. Senlaboreco atingis 32,5% en New South Wales. La ponto helpis provizi laboron al multaj laboristoj. 1 400 laboris sur la loko mem, sed aliaj laboristoj estis dungitaj por provizi la necesajn materialojn kiel nitoj, sablo ktp. La salajroj ne estis altaj, la sekureco ne garantiita. Tamen nur du homoj falis en la akvon kaj entute 16 laboristoj mortis. Historie realigi grandajn projektojn estas unu el la strategioj de registaroj en krizaj periodoj. Pro la nuna ekonomia krizo, ĉu baldaŭ estos proponitaj grandaj projektoj, kiuj povas redoni fieron pri kaj fidon en la nacio al la civitanoj?



Antaŭ 10 jaroj kompanio havis la ideon aĉeti la rajton uzi la ponton por turismaj celoj. Paginte inter preskaŭ 200 ĝis 300 aŭstraliajn dolarojn laŭ la elektita momento en la diurno, eblas supreniri ĝis la plej alta punkto de la arkaĵo kaj retroiri je la alia flanko tiel ke oni havu bonan vidon de Sidnejo je 360°; aŭ promeni en la ŝtalaj instalaĵoj se oni interesiĝas pri tekniko. La ekskurso daŭras tri horojn kaj duonon…Sed necesas preskaŭ horo por pretiĝi antaŭ ol eki la promenadon. La du gravaj elementoj estas la temperaturo kaj la forto de la vento, pro tio necesas surporti apartan surtuton kaj zonon al kiu estas alkroĉitaj ĉapelo, okulvitroj, eĉ naztuko, kaj ĉeno, je kies fino estas peza aparta rado. Oni devas lerni alkroĉi ĝin al ŝnurego, kiu laŭiras laŭ la rando de la ponto tiel ke ne eblas libere iri ĝis la fino de la rondiro. Necesas lerni supren kaj malsupreniri laŭ la ŝtuparetoj unu post la alia. Ĉiu grupo da dek du aŭ dek kvar personoj havas gvidanton. En kelkaj lokoj atendas helpantoj, ankaŭ

alkroĉitaj al la rando de la ponto pro la vento. Ili portas akvon por ke la grimpantoj trinku, aŭ akvumas ilin kiam estas tre varme. La organizado estas tia ke kvankam ne vere estas danĝere, oni havas la impreson je la fino ke oni plenumis grandfaron. La atestilo kaj fotoj tion certigas.

Tiu promenado estas tre populara. Se vi estas en Sidnejo levu la kapon kaj rigardu kiom da "formikoj" vicas al la supro de la ponto.◊

.......................................................



Paĝo el la unua konata presita libro
(*La diamanta sutro*, presita ĉ.700 p.K. en Ĉinio,
per uzo de gravuritaj lignaj plakoj inkumitaj kaj premitaj sur paperon)

## SOLVOJ DE LA DIVENLUDOJ SUR PAĜO 5

*Nekredeble!!:* Hupo (tufo el haroj) kaj Hupo (sona avertilo)
*Vokalkejlo (1):* aro kaj a<u>e</u>ro
*Vokalkejlo (2):* artiklo kaj artik<u>o</u>lo
*Ĉemara idilio:* la klepsidro
*Divenludo: la* montrofingro




Klepsidro (Akvohorloĝo) ◊

# PLAĈMEDIKAMENTO

**de Vera Payne**

*"Sed! Kiu ekscitiĝas pri miraklo?*
*Por me, ekzistas nenio krom mirakloj."*

Walt Whitman, Usona poeto, 1819-1892.

Kiu neus, ke ĉio ajn kio ekzistas, estas miraklo?

Mi verkis pri la potenco de ridado, en frua Mirmekobo, kaj vere mi kredas ridegon ege bona influo kontraŭ psikologia premtrudo, kaj pro tio, ege bona sanigilo. En tiu antaŭa artikolo mi citis el *Anatomio de Malsano* fare de Norman Cousins, libro eldonita antaŭ 30 jaroj. Lastatempe mi relegis ĝin, kaj refoje ĝi imponis. La kuracistoj de S-ro Cousins diagnozis nekuraceblan malsanon, kaj informis lin, ke restas al li nur kelkaj monatoj da vivo. Neakceptinte la prognozon, li forlasis la multekostan malsanulejon kaj anstataŭe endomiĝis en hotelĉambro kie dum tri monatoj li ĝuis ridigajn filmojn, kiuj liberigis la korpajn premojn, kaj tiele li ridigis sin ĝis tuta resaniĝo. La kuracistoj proklamis la resaniĝon: "miraklo".

Alia "miraklilo", kiu miaopinie meritas pluan, ampleksan studadon, estas la *Placebo* (Latina: "Mi estos plaĉa"), kiu estas substanco, ekzemple simpla sukero-pilolo (aŭ eĉ ne substanco sed eco, ekzemple nur fido), kiu supozeble devus havi nenian fizikan korpefikon, sed kiu efektive kaŭzas signifajn biokemiajn ŝanĝojn. La ricevanto kredas, ke li englutas fortege efikan medikamenton. La cerbo, kredante kion ajn oni informas al ĝi, komencas la procedon sanigi, kvazaŭ ja la korpo havas en ĝi la anticipan sanigilon.

Pluraj esploroj asertas je la vero de ĉi tiu fenomeno. En 1955, H K Beecher pubikigis "La Potenca Plaĉmedikamento"[1], en kiu li priskribis la jenan esploron: en 15 klinikaj provoj liaj, koncerne plurajn malsanojn, plaĉmedikamento liveris kontentigan mildigon en 35% de 1,082 kazoj. Aliaj, sekvaj esploroj, montris eĉ pli altan procenton de pozitivaj rezultoj. Fakte, la plaĉmedikamento estas ofte pli efika ol la "vera" sanigilo. En unu provo, Grupo A ricevis plaĉmedikamenton kaj kredis, ke ĝi estis ege potenca medicino, kaj al Grupo B oni donis la ja fortan medikamenton sed ankaŭ diris al la malsanuloj, ke ĝi estas io nova, ne tre forta, kaj ke estas nur ebleceto, ke ĝi efikos. Preskaŭ la tutaro de Grupo A resaniĝis de siaj gravaj malsanoj, sed ne Grupo B! (Bv noti, ke mi ne estas kuracisto; se vi interesiĝas pri la temo, vi trovos multajn librojn en viaj bibliotekoj, probable en viaj libro-vendejoj, kaj nepre en Google.)

---

[1] Beecher, H.K., "The Powerful Placebo", *Journal of the American Medical Association*, Vol.159, No.17, (24 December 1955).

Postaj testoj pri la esploroj de S-ro Beecher disputas liajn konkludojn, asertante, ke aliaj substancoj ol la plaĉmedikamento probable kaŭzis la resaniĝon aŭ la plibonigon. Probable prave. Tamen, ni ĉiuj bone scias, ke la kiso de panjo, kune kun kelkaj flustritaj amvortoj, ĉiam helpas la doloron — kaj eble aparte se panjo aldone ofertas dolĉaĵon…

Fojfoje, eĉ en akutaj situacioj, plaĉmedikamento efikas, en kazoj kie ĉiu ortodoksa strebo malsukcesas. Povas esti, ke kelkaj legantoj de *Mirmekobo* memoras D-ron Tim Einihovici, specialisto pri orel-naz-gorĝo, en Perto (Okcidenta Aŭstralio). Li rakontis al mi pri unu el siaj pacientoj, sur kiu oni multfoje (sensukcese) operaciis pro orelo-problemoj, kaj kiun la kirurgoj ne plu povis helpi. La virino elektis iri al Lourdes. Post la reveno, ŝi vizitis Tim refoje — tute resanigita kaj sen la cikatroj kiuj ekzistis post la operacioj! Tim tute ne povis kompreni kio okazis, kaj mi ne ripetus la rakonton se mi ne fidus la vortojn de la bona Doktoro. (Mi ne estas Katoliko, kaj laŭ mia kompreno, la Romkatolika Eklezio agnoskas nur ĉ. 50 kazojn de "mirakloj", kvankam dekoj (se ne centoj) da milionoj da homoj jam vizitis Lourdes-on ekde 1858.)

Do, ne necesas substanco kia pilolo aŭ injekcio, por plaĉmedikamenta efiko. Se oni diras al ni sufiĉe ofte, ke ni estas bonaj kaj belaj, ni akceptas tion, kreskas en memfido kaj ofte plibon- kaj plibeliĝas. Jen sinplenumanta profetaĵo kiu efikas kiel plaĉmedikamento.

Sed, kio se ĉiu kiun vi renkontas hodiaŭ asertus, ke vi aspektas ŝokige malsana? Je la fino de la tago, negativaj kredoj, duboj kaj anticipoj vin turmentus, kaj eble ankaŭ via imunsistemo suferus. Mens- aŭ animomalstreĉo estas vivhelpilo, sed la kontraŭo povas esti mortigilo. Necesas forigi la streĉojn kiuj amasiĝas pro kuregado, konkursado, ĝenaĵaro, zorgaro…aldonu viajn proprajn, ĉiutagajn, kontraŭsano-demonojn.

Kaj jen, enkonduko al la negativa "Nocebo" (Latine: "Mi nocos"). En la 1990-aj, estis demonstrite, ke la noceba efiko povas malutili al kuracado. Negativaj kredoj, imagoj kaj anticipoj efektive ja kaŭzas pli malbonan sanstaton. Kredu, ke vi suferas alergion al penicilino (kvankam vi ne fakte havas tiun alergion), kaj eblas, ke la simptomoj ja manifestiĝos. Ripetu sufiĉe ofte la deziron morti, pro "rompita koro", kaj via deziro povas efektiviĝi.

Inverse, se vi deziras vivi por vidi vian ankoraŭ ne naskitan nep(in)on, eĉ se la kuracistoj atendas vian preskaŭ tujan morton, eblas, ke via vivo etendiĝos plurajn monatojn ĝis okazas la prisopirata, feliĉiga evento. Dum epokoj, oni konsciis la potencon de pozitiva pensado. Plaĉmedikamento estas simple aldona plifortigilo. La paciento devas fidi al siaj kuracistoj kaj al la medicino, kaj la kuracisto nepre devas videble fidi sin mem kaj sian medicinon.

La slava vorto "Bog" signifas "Dio". Spasibo estas la rusa "Dio savas".

Placebo: plaĉas al Dio. Se vi vin trovas en situacio kie, ekzemple, troviĝas truoj en via remboato, kial ne duoble vin helpu per la jena konsilo? Preĝu al la Dio, sed remu kiel la Diablo! Fine, estus bone legi en onta *Mirmekobo*, ekzemplojn de plaĉmedikamenta efiko en la vivo de niaj legantoj.◊

.........................................................



Cilindra stampilo (ĉ. 2200 a.K. el Mezopotamio
(uzata por indiki posedanton aŭ fabrikinton)

# Mirmekobo



Kiel besto, la Mirmekobo estas preskaŭ elmortinta en sia indiĝena teritorio. Sed en sia revua formo, ĝi estas internacie havebla per peto aŭ senpaga abono ĉe la URL <mirmekobo@mac.com>, kaj ni esperas ke vi enhejmigos ĝin, nutros ĝin per via legado kaj kontribuo de enhavo, kaj ĝuados ĝin.

Abono al la revuo estas senpaga. Ĉar neniuj surpapere presitaj ekzempleroj ekzistas, neniu preskosto ekzistas. Tamen, se vi deziras mem per via komputila presilo presi ekzemplero(j)n, por vi mem aŭ por aliaj, tion vi rajtas fari senpage.

La revueto Mirmekobo estas sendependa, kaj subtenas neniun ismon. Artikolojn povas kontribui iu ajn. Tre bonvenaj estas literaturaĵoj: noveloj, poemoj, prozaĵoj iaspecaj; esprimoj de vidpunkto; historiaĵoj; prezento de interesaj hobioj; biografiaĵoj, aŭtobiografiaĵoj; legendoj, mitoj… Bildoj, ĉu fotoj, ĉu desegnaĵoj, ĉu klarigaj, tre bonvenos.

Reklamojn, anonc(et)ojn, propagandon, lingvajn studojn aŭ kritikojn, pornaĵojn, Mirmekobo malakceptas. La redaktoro rajtas akcepti, modifi, aŭ malakcepti ian kontribuaĵon, kiun li opinias malkonforma al la karaktero kaj reputacio de la revueto. Korektojn evidente bezonajn li rajtas fari, konsultinte la verkinton.



Redaktoro:
Donald Broadribb

Adreso por ĉiuj komunikaĵoj, por peti ekzempleron, por sendi kontribuaĵon:

mirmekobo@mac.com

http://web.me.com/donbroadribb1/Mirmekobo/Mirmekobo.html